**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Carreras Candi, 34 – 36
08028 BARCELONA

REDACTOR JEFE
Giordano Moya
Balmes, 38 Tel. (93) 7881839
TERRASSA (Barcelona)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Marco Botella

Jarabono . . . . . . . . . . . . 1500 p-toj

ENHAVO

La kovrilo: Strato Zamenhof en Vigo (Galegio)

Paĝo



Depósito Legal: VA. 616 – 1978
G.E.T.

UTILAJ ADRESOJ

Hispana Esperanto-Federacio
Carreras Candi, 34-36
Tel. (93) 240 26 62
08028 BARCELONA

PREZIDANTO. Salvador Aragay

VICPREZIDANTO. Luis María Hernández

SEKRETARIO. Víctor Ruiz

VICSEKRETARIO. Josep Miranda

KASISTO. Joan Font

Pagojn sendu al
Caja de Pensiones para la Vejez y de
Ahorros. Libreta núm. 2.303-26
Agencia Riera Blanca, 436
08028 BARCELONA

JUNULARA SEKCIO (H.E.J.S.)
Sol, 75
41003 - SEVILLA

FERVOJISTA SEKCIO (H.E.F.A.)
Ronda S. Antonio 46-50, 2º 4º
08001 BARCELONA

TURISMA SEKCIO KAJ ELDONA FAKO
kaj "FUNDACION ESPERANTO"
Inés Gastón
Pº de la Constitución 35, 4º
5001 ZARAGOZA

LIBRO–SERVO
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID
Pagojn por LIBRO–SERVO
Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOLID

ĈEFDELEGITO DE U.E.A. EN HISPANUJO
Juan Azcuenaga Vierna
Gral. Dávila 127, portal 7, 2º izda.
Tel. (942) 33 94 87
Cuenta Postal 03548531
39007 SANTANDER

OFICEJO
Rodríguez San Pedro, 13, 3º P-7
28015 MADRID

INFORMA OFICEJO
Julio Herrero
Nontecorto 9, 3º 16ª
29014 MALAGA

# 48a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Valencio de la 14a ĝis la 18a de Julio

**LOKA KONGRESA KOMITATO**

Grupo Esperanto de Valencia, G.V. Fernado el Católico, 45 - 3a — 46008 VALENCIA

## PROVIZORA PROGRAMO

**JAŬDON 14an.**

10.00 h. Disdonado de la dokumentoj al la Kongresanoj.
16.00 h. Vizito al Valencio, kun gvidisto, organizita de la urbestraro.
18.00 h. HEJS sin prezentas.
20.00 h. Festo de bonveno.

**VENDREDON 15an.**

10.00 h. Oficiala malfermo de la kongreso. Parolado de la Prezidanto de Universala Esperanto—Asocio UEA. Musika paŭzo.
12.00 h. Disdonado de la dokumentoj al la Kongresanoj.
12.00 h. Gazetara konferenco por la gazetaro, radio kaj televido.
12.00 h. Intensa kurso de Esperanto.
13.30 h. Akcepto en la Urbodomo. Oficiala fotado.
15.00 h. Artaj kaj Sciencaj Horoj.
16.00 h. Oficialaj ekzamenoj de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI) kaj Hispana Esperanto—Federacio (HEF), pri lingvoscio kaj rajtigo al instruado de Esperanto.
16.00 h. Kunveno de la Estraro de HEF kun delegitoj de la Esperanto-societoj.
16.00 h. Kultura vizito.
17.00 h. Kunveno de la Junulara Sekcio de HEF (H.E.J.S.)
20.00 h. Teatra vespero en Esperanto, ludata de Bulgara Esperanto-Teatro (BET)

**SABATON 16an.**

10.00 h. Artaj kaj Sciencaj Horoj.
11.00 h. Kunvenoj de Sekcioj: Instruistoj, Fervojistoj, Kuracistoj, HALE, Turismo, ktp.
17.00 h. "Valencio: Historio, Arto kaj Tradicio" (parolado).
18.00 h. Ĝenerala Kunveno de HEF kaj prezento de venontaj Kongresoj.
20.00 h. Muzika vespero.

**DIMANĈON 17an.**

10.00 h. Katolika Meso (neoficiala programo)
11.30 h. Kina projekcio en Esperanto.
12.30 h. Artaj kaj Sciencaj Horoj.

15.00 h. Elementa kurso de Esperanto.
16.00 h. Prezentado de novaj Esperantaj verkoj.
18.00 h. Oficiala fermo de la Kongreso.
Omaĝoj.
Disdono da Diplomoj.
Premio "Klara Silbernik".
Parolado.
19.30 h. Arta vespero.
21.00 h. Adiaŭa Bankedo.

**LUNDON 18an.**

09.00 h. Ekskursoj.

NOTO: Okaze de la Kongreso estos publikigitaj en Esperanto "Antologia Poética" de la valencia poeto Miguel Hernández kaj "Los Niños Tontos" de Ana María Matute, kaj Funkcios Libro-Servo.

---

## KVINA KONGRESO DE ANDALUZIA ESPERANTO—UNUIĜO

Andaluzia Esperanto-Unuiĝo okazigis en Torokso (Torrox) sian 5an Kongreson, de la 10a ĝis la 12a de Oktobro. Partoprenis ĝin samideanoj venintaj de Valencio, Vaskujo, Katalunio, Ĥerezo, Kadizo, La Linio, Seviljo, Granado, Málago, Kordovo kaj Pollando. La etoso, kiel kutime, estis tre Esperanta. Inter la programeroj estis rimarkindaj la projekcioj de filmoj pri Ekologio kaj Eŭropa Komunumo, kaj la prelegoj pri la Esperanta Prononco, la Andaluziaj Dialektoj kaj la Esperantistaj Ŝtaroj.

Tre helpis la vilaĝestraro de Torokso. Ĝi akceptis la kongresanojn en la vilaĝdomo, subvenciis la kongreson kaj nomis oficiale Avenuo Esperanto unu el la stratoj de la vilaĝo.

Inter la konkludoj de la Ĝenerala Asembleo notindas la varbado de politikistoj, la enkonduko de E-o en Restadejojn kaj en la Universalan Ekspozicion, en 1992 kaj la kompletigo de la Instruada Servo kunlabore kun ILEI.

La venonta Kongreso de AEU okazos en Ĥerezo (Kadizo).

**Andrés Martín**

---

## NEKROLOGO

---

Ni kondolencas la familianojn de nia samideano Eveli Calvet i Prats pro lia forpaso okazinta la 26an de aprilo 1987 en Tarragona. Vidvino Pilar Estivill donacis al la Hispana Esperanto-Muzeo kolekton da libroj kaj revuoj.

# 48-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Valencio, de la 14-a ĝis la 18-a de Julio 1988

Unua postjarcenta Kongreso

---

# A L I Ĝ I L O N-RO .......

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj ..........

Antaŭnomo, s-ro/ s-ino/ f-ino (1) ....

Aĝo (2) ........ Profesio (2) ..

Adreso

Urbo Poŝtkodo Provinco (3)

Mi aliĝas al la 48-a Hispana Kongreso de Esperanto kaj sendas per poŝtmandato, ĉeko, aŭ banko (1) la jenan sumon:

Kiel kongreskotizon en kategorio ... p-tojn

Kiel kongresdonacon ... p-tojn

ENTUTE: ... p-tojn

Plenigu apartan aliĝilon por ĉiu familiano samtempe aliĝanta.

(1) Forstreku la nevalidan.

(2) Nur por statistiko.

(3) Eksterlandanoj menciu la landon.

Por uzo de la administracio:

| Pago ricevita | Konfirmilo sendita | Loĝejo mendita |
|---|---|---|
| | | |

# K O N G R E S K O T I Z O J

| | 31-12-87 | 31-3-88 | 30-6-88 |
|---|---|---|---|
| 1. Kongresano ................................ | 2.200 | 2.700 | 3.200 |
| 2. Kongresano (Membro de HEF) ... | 1.700 | 2.200 | 2.700 |
| 3. Kunulo/ino (6) de kongresano ..... | 1.500 | 1.800 | 2.100 |
| 4. Juna membro de HEJS (ĝis 26 jaroj) ................................ | 1.000 | 1.300 | 1.500 |
| 5. Gejunuloj ne membroj de HEJS, emeritaj kongresanoj aŭ infanaj .. | 1.200 | 1.500 | 1.700 |
| 6. Eksterlandano kaj senlaborulo (7) ............................ | | (SENPAGE) | |

Membro de HEF-HEJS n-ro ........

Loĝejoj: Ni informos per HEF-BULTENO

**Rimarkigoj:**

1. Plenigu la aliĝilon kaj sendu ĝin al la kongresa sekretariejo: Grupo Esperanto de Valencia, G. V. Fernando el Católico, 45-3.ª, 46008-Valencia.
2. Sendu la koncernan kotizon al la 48-a Hispana Kongreso de Esperanto, konto n-ro 131022997631 Urbana 46, Caja de Ahorros de Valencia, c/ Chiva, 46018-Valencia.
3. La kotizo ne estos repagebla, eĉ se la aliĝinto ne partoprenas en la kongreso.
4. La aliĝilon oni pritraktos nur post ricevo de la koncerna pago.
5. Kongresanoj en kategorioj (2) kaj (4) devas sendi ateston de HEF pri la pago de la kotizo de 1987 aŭ 1988.
6. Kunulo: Tiu kiu loĝas samadrese kun aliĝinto.
7. La senlaboruloj sendu fotokopion de atestilo.
8. Se vi bezonas pliajn aliĝilojn, petu rekte de la kongresa sekretariejo.

## KADROJ

Estas mirinda la penado de la hispanaj Asocioj kaj de HEF por festi digne la Centjaran Datrevenon de Esperanto. Ĉiuj sciis, ke la momento estas tiel grava, ke oni devas klopodi montri Esperanton, al niaj samlandanoj, kiel la solan disponeblan solvon al la lingvoproblemo kaj ĉiuj konsciis ankaŭ la ŝancon fari tion okaze de nia Jubilea Jaro. Mian gratulon al ĉiuj. Tamen, bedaŭrinde, tio neniom efikos se ni ne laboras senĉese, serioze kaj laŭplane. La impona penado de la plej entuziasmaj samideanoj neniom utilos se mankas grava agadplano aŭ se oni ne plenumas ĝin.

Tre ofte ni revas pri la momento en kiu E-o estu uzata de la plimulto kaj en kiu niaj samlandanoj rekonu la Esperanto-Movadon kiel ion tre influantan en la vivo de la hispanaj privataj kaj publikaj institucioj. Ankaŭ multaj el niaj simpatiantoj revas pri tio. Tamen tiu sopirata situacio neniam alvenos se ni agadas senorde kaj senesplore. La malsimpleco de la problemo estas tia, ke se ni plu laboradas dise kaj ĥaose la rezultato estos tute malŝatinda. Necesas cerbumi pri la cirkonstancoj, pripensi la celojn, taksi la rezultatojn, modifi la agadplanon se konvene, ktp, ktp. Kiujn solvojn eblas prezenti?

Se ni volas, ke la Movado estu gravaĵo en Hispanio ni nepre kalkulu kun:

—instruada strukturo kvalite kaj kvante kapabla,

—la plej maksimuma ĉeesto de E-o en kulturaj kaj sportaj organizoj, politikaj partioj, sindikatoj, parlamentoj, religiaj movadoj kaj privataj entreprenoj.

Por atingi tion nepras plani kiel eble plej detale la koncernajn agadojn de la Esperanto-Asocioj, lokaj Grupoj kaj HEF. Poste oni devos taksi kaj ekzameni, de tempo al tempo, tiel la rezultatojn kiel la celojn. La taskoj rilataj al la traserĉado, planado, taksado, disvastigo kaj modifo estu realigotaj de iu konstanta skipo de fakuloj esperantistaj. La intelektuloj utilos nur kiel personoj kiujn, se necese, oni konsultos. Kompreneble, se ili estas aktivuloj kaj specialistoj pri Psikologio kaj Sociologio, ili estas la plek kapablaj kadroj. Necesas rimarki ke la skipo prizorganta ĉi tiun aferon konsistu el fakuloj pri Socia Psikologio kaj Sociologio.

Eble iu pensas, ke ankoraŭ foje temas pri vortoj de iu entuziasmulo proponanta multe sed neniom plenuminta. Ja, tiu sinteno ne surprizas min ĉar, bedaŭrinde, tio estas "kuranta mono" en Esperantujo. Kompreneble, ĉiu rajtas opinii laŭ siaj principoj kaj akcepti, aŭ rifuzi, ajnan proponon. Ĉiukaze mi sciigas al unuj kaj aliaj, ke AEU funkciigas la jenon: Meza, Elementa, Supera, Perfektiga 1a kaj Perfektiga 2a Kursoj, Perradia kaj Perkoresponda Elementa Kursoj. Tamen, tio ne estas ĉio, ĉar AEU kunlaboras kun ILEI, varbas politikistojn, organizas kunvenon de studentoj por pritrakti lingvoproblemojn, klopodas pri la ĉeesto de E-o ĉe la Universala Ekspozicio okazonta en Seviljo, en 1992 kaj kunlaboras kun neesperantaj organizoj por enkonduki E-on en ilin.

Memvideble, ĉio dependas de ĉiu. Esperanto venkos se ni agadas akorde. Asocioj kaj HEF laboru gvidate de skipo de kadroj.

Ĉu ni, hispanoj, sukcesos?

**Andrés Martín**




## ARTAJ, SCIENCAJ KAJ KULTURAJ HOROJ DE HEF–KONGRESOJ
## Invito al la HOROJ de 1988

Karaj geamikoj:

Vi ĉiuj bone scias, ke la HOROJ okupas sin je prezentado de artaj, sciencaj kaj ĉiutipaj kulturaj temoj en la kongresa kadro, tamen sub la struktura regulo, ke la rolantoj principe estu la ordinaraj kongresanoj mem, kaj ne nepre jam konataj gravuloj (kiuj ja plu rolu en la kongreso laŭ la kutimaj, pli–malpli solenaj aranĝoj, eĉ se ili eventuale iel helpos ankaŭ al la HOROJ).

Mi ĉi-sube prezentas al vi la erojn kiujn ni antaŭvidas por la HOROJ de nia Valencia kongreso. Nome de HEF, mi petas vin ĉiujn, bonvolu pripensi, ĉu vi povas vin proponi por prelegi mem, aŭ sugesti ion por poluro de la prezento (ekzemple, proponi preleganton, aŭ ŝanĝon de temo aŭ konsilon por kiel eble plej konvena aranĝo, ktp); kaj mi tre dankos, se vi bonvolos skribi al mi pri tio, por ke per korespondado ni atingu sukcesan prezenton:

1 —Laŭtlegado de poemoj en Eo.

2 —Kantado en Eo, kun aŭ sen muzika akompano.

3 —Mallonga teatraĵo aŭ skeĉo, unu- aŭ plurpersona.

4 —Parolado pri la valencia folkloro, kun prezento kaj priskribo de popolaj muzikiloj.

5 —Videoj kun Ea parolo.

6 —Laŭtlego de kelkaj paĝoj de propra originalo aŭ traduka verko.

7 —Kurseto pri scienca temo. (Ni antaŭvidas pliampleksigon de la madrida kurseto pri laser-radioj, aŭ elementan eksperimentaron, kiel tiu de la libro "Amuzo per scienco").

8 —Tri- aŭ kvarhora kurseto pri lingva temo. (Ni antaŭvidas "Prononco kaj prozodio de Eo" aŭ "Vortfarado en Eo").

9 —Debato pri "Por kaj kontraŭ atom-energio" aŭ "La homaj rajtoj kaj la virinoj" (En la unua parto debatos tri aŭ kvar prelegantoj, kaj en la dua parto temos pri libera diskuto inter ĉeestantoj, sub gvidado de moderiganto).

10 —Por vizito al urbaj vidindaĵoj ni sekvos la sugeston de unu korespondanto, per jena divido de la aranĝo:

— Spertulo pri artaj aferoj kaj la artaĵoj de Valencio, verku itineron kaj adekvatan tekston.

— Lumbilda prezentado kaj komentoj pri la postaj vidindaĵoj.

— La fakta prezentado okazu per flua E-parolant(in)o, **prefere junvoĉa.** Por pli glata malvolvo, li/ŝi unue praktiku sur la tereno. Se bezone, la parolanto uzu laŭtilon.

— Nu, karaj geamikoj, mi atendas viajn leterojn, por helpo al nia kongreso. Kaj kun tia peto mi min turnas tute speciale al niaj junaj kaj jam gravaj fortoj!. Kaj, kompreneble, kaj nome de HEF, ni invitas vin nepre ĉeesti la HOROJn dum nia kongreso.

Via, Antonio Alonso Núñez

Provizora responsulo por ASK-Horoj
Rosa, 26-5º-C.— 15701 — Santiago de Compostela (Hispanio).

---

## PENSOJ DE ZAMENHOF

### El la parolado de la Dua Kongreso, 1906 en ĜENEVO

(Originala Verkado, pĝ 371)

Nun, kiam en diversaj lokoj de la mondo la batalado inter la gentoj fariĝis tiel kruela, ni, esperantistoj, devas labori pli energie ol iam. Sed por ke nia laborado estu fruktoporta, ni devas antaŭ ĉio bone klarigi al ni **la internan ideon** de la esperantismo. Ni ĉiuj senkonscie ofte aludadis tiun ĉi ideon en niaj paroloj kaj verkoj, sed ni neniam parolis pri ĝi pli klare. Estas jam tempo ke ni parolu pli klare kaj precize...

... Se ni, batalantoj por Esperanto, propravole donis al la vasta mondo plenan rajton rigardadi Esperanton nur de ĝia flanko praktika kaj uzadi ĝin nur por ia utilo, tio ĉi kompreneble al neniu donas la rajton postuli, ke ni ĉiuj vidu en Esperanto nur aferon praktikan. Bedaŭrinde en la lasta tempo inter la esperantistoj aperis tiuj voĉoj kiuj diras "Esperanto estas nur lingvo; evitu ligi eĉ tute private la esperantismon kun ia ideo, ĉar alie oni pensos, ke ni ĉiuj havas tiun ideon, kaj ni malplaĉos al diversaj personoj, kiuj ne amas tiun ideon! Ho, kiaj vortoj! El la timo, ke ni eble ne plaĉos al tiuj personoj, kiuj mem volas uzi Esperanton nur por aferoj praktikaj por ili, ni devas ĉiuj elŝiri el nia koro tiun parton de la esperantismo, kiu estas la plej grava, la plej sankta, tiun ideon, kiu ĉiam gvidadis ĉiujn batalantojn por Esperanto! Ho, ne, ne, neniam! Kun energia protesto ni forĵetas tiun ĉi postulon. Se nin, la unuajn batalantojn por Esperanto, oni devigos, ke ni evitu en nia agado ĉion idean, ni indigne disŝiros kaj bruligos ĉion, kion ni skribis por Esperanto, ni neniigos kun doloro la laborojn kaj oferojn de nia tuta vivo, ni forĵetos malproksimen la verdan stelon, kiu sidas sur nia brusto kaj ni ekkrios kun abomeno: "Kun tia Esperanto, kiu devas servi eksklusive nur al celoj de komerco kaj praktika utileco, ni volas havi nenion komunan!"

## EL MIAJ REMEMOROJ...

En 1953 mi decidis eldoni **La bapton de Caro Vladimir**. En tiu momento apogeis en nia lando la frankismo, la formo de la hispana faŝismo. Temis pri pura, dura, kruda militarismo, en simbiozo kun la katolikismo kiel inkvizicia maniero kontroli la konsciencojn. Mi sendis ekzemplerojn al ĉiuj ĉefaj gazetoj, por kono kaj recenzo, inter kiuj gazetoj troviĝis **Boletín**. Kelkajn tagojn post la alveno de tiu libro al Valencio, mi ricevis leteron, kiun subskribis ĉiuj membroj de la estraro de HEF kaj kekaj eksterestranaj famaj samideanoj, kiel Luis Hernández, per kiu ili, unuanime, plej serioze, petis min detrui, forbruligi la tutan eldonon, ĉar ĝi povus ruinigi, provoki absolutan malpermeson pri plua Esperanto-agado en Hispanujo. Ili ĉiuj timis, timegis antaŭ tiu libro, kie, interalie, estis presite:

*La soldatoj -akraj knabojen juĝarto fortas:*
*ĉiujn siajn paragrafojn*
*en kuglujo portas.*

*La Milita Tribunalo*
*ne bezonis dikton:*
*el nenio -kiel dio-*
*kreis la verdikton.*

Antaŭ tiu peto de forbruligo de la tuta eldono, kion fari? Temis ne nur pri unuaranga traduko, kiu fluas kvazaŭ originalo, sed temis, ĉefe, pri mia solidaro kun amiko Tomaso Pumpr, la ĉeĥa tradukinto, tiam degradita ĝis mizero, ĉar li rifuzis membriĝi al sialanda komunista partio. Mi plej serioze pripensis ĉiujn cirkonstancojn kaj eventualajn sekvaĵojn, kaj mi respondis al HEF, ke frankisto mi ne estas, ke timon mi ne havas kaj ke ankaŭ mi ne ambicias promociiĝi en la kadro de la diktaturo. Aldone mi sendis mian formalan ekziĝon de HEF, por ke oni ne povu ligi mian nomon al la hispana oficiala esperantistaro, kaj memsekve mi aldonis al la estraro, ke mi ne forbruligos la eldonon, sed daŭre disvendos ĝin. Multajn jarojn poste, bona amiko, kiu sufiĉe konis la tiamajn cirkonstancojn, diris al mi, ke mi agis laŭ la proverbaj tri **Ko**, kiuj karakterizas veran homon, nome per **K**apo, per **K**oro kaj per **K**ojonoj, t.e. saĝe, idealisme kaj senkompromise aŭdace.

HEF, tamen, neniam formale akceptis mian eksiĝon, ĉar ili devis peti de mi la forbruligon de tiu libro nur pro amo kaj ŝirmo al nia afero, kvankam enkore ili sentis same kiel mi. Tial ĝis hodiaŭ mi konservas mian membronumeron 36 ĉe HEF.

Honore al ilia kuraĝo mi verkis la suprajn liniojn en la kvardeka datreveno de la oficialigo de Hispana Esperanto-Federacio.

**Juan RÉGULO**

## RECENZOJ

GIORDANO MOYA
"La Homa Vivaventuro"
Eldonis: Esperanto Barcelona Centro, Barcelona, 1987.
302 paĝoj. Bindo bona. Formato 200 x 135 cm.
Prezo 950 pesetojn.

Giordano Moya estas homo tre konata en la esperantista mondo. Formita en pozitiva kaj materialisma filozofio, posedanta firmajn konvinkojn bazitajn sur longa sperto kaj atenta studo de la homa vivo kaj naturo, Moya deziris meti sian idearon antaŭ la esperantistan popolon, kaj kvazaŭ kristalizi en la esperanta lingvo sian ardan deziron al pli bela kaj justa vivo en ĉi mondo nia, tiom longe suferanta kaj serĉanta pacon kaj feliĉon.

Rezulte, lia libro "La Homa Vivaventuro". Verko grava. Ampleksa trarigardo sur plej diversaj disciplinoj: biologio, historio, religio, sociologio, psikologio kaj politiko. Kiel ekzemploj, tri plensignifaj analizoj pri Sovetunio, Ĉinio kaj Jugoslavio en la moderna tempo. Krome, konsideroj pri la monda aktuala ekonomio kaj pri la rolo, kiun esperanto povas plenumi en la konstruo de la homa societo de la futuro.

Tiu ampleksa ekspozicio konkretiĝas en naŭ ĉapitroj, dividitaj en ne longaj unuoj, laŭ sistemo konscie strukturita.

Kerna temo de la libro, do, estas la homo kaj la homa societo. Celo de la aŭtoro, nin porti ekde la prahistorio ĝis la nuntempo, por fine konjekti pri la estonteco de la homaro, kunligante la diversajn materiojn supre cititajn, en maniero harmonia kaj interdisciplina. Kaj ĉiam, kiel jam dirite, rigardante la tuton el pure materialisma vidpunkto.

Enhavo, do, profunda kaj ambicia, kiu sin etendas antaŭ la leganto en sinsekvo rigore diakrona.

Pri la formo vestanta tiun enhavon, ni diru ke la lingvo uzita estas rilate strukturon, pure zamenhofa, kaj koncerne leksikon, tute moderna kaj adaptita al la diversaj materioj tuŝitaj en la verko. Stilo senpretenda kaj rekta en libro destinita al kleraj, pensemaj legantoj.

Ni salutas la verkon de s-ro Moya kiel la unuan gravan esperantistan libron, aperintan en Hispanio en la kampo de humanismo.

Kiel okazas en la plejmulto da libroj eldonitaj en nia lando, aperas tipografiaj eraroj, kiujn pli zorga korektado estus povinta elimini.

**JES**

## NOVAĴOJ

Nova Esperanto-Kurso eldonita de ASIMIL. Lernolibro kun francaj klarigoj kaj 4 kasetoj nur en Esperanto. Kostas 11.650 pesetojn. Mendojn rekte ĉe: LIBROSERVO DE HEF, Apartado 119, VALLADOLID – 47080

## RECENZOJ

CAMPOAMOR, Ramón de, k.a.
"Astura Bukedo".
Eldonis: Astura Esperanto Asocio, Gijón, Hispanio, 1987.
140 paĝojn. Bindo kaj preso tre bonaj. Formato 180 x 110 cm.
Prezo 650 pesetojn

La libro enhavas verkojn (prozo kaj poezio) de Ramón de Campoamor, Pérez de Ayala, Angel González, Palacio Valdés kaj "Clarín".

"La trajno ekspresa" de Campoamor estis poemo tre populara siatempe, sed nun tute forigita de la moderna poezia gusto. Tradukita kun granda respekto al rimo kaj metriko de la hispana originalo, ni trovas en ĝi la saman bombaston kaj senmezuran hiperbolecon de la nacilingva teksto. Campoamor estas nun paganta sian kredon, ke la poezio estis nur rimita prozo.

Pérez de Ayala, elstara verkisto proze kaj verse, estas ĉi tie reprezentita de unu el siaj poezioj: "Universala Danco", kiu pro temo kaj formo nin portas al la "dancoj de la morto" komunaj al diversaj eŭropaj lingvoj en la Mezepoko.

Venas poste Angel González, nuntempa poeto kaj universitata profesoro en Usono. Lia poezio pri la mem, pri la mondo kaj pri la vivo estas amareca, intima, demanda, kaj kelkfoje ne facile kaptebla. Pli ol belecon en la esprimo, li serĉas kaŭzi fortan impreson en la leganto.

Palacio Valdés, aŭtoro de multaj lirikaj, teneraj romanoj kaj rakontoj, impregnitaj de delikata humorismo, kaj nejuste preskaŭ forgesita hodiaŭ, aperas tradukita en la libro per du mallongaj rakontoj pri krimo kaj sango, kiuj tute ne respegulas la veran dimension de tiu estiminda verkisto.

Laste —kaj ĉefe— la libro enhavas la nesuperebla rakonton "Adiaŭ, Cordera", kiu elvolviĝas inter la limoj de malgranda paŝtejo apud fervojo, en la verda Asturio, sed posedas funde universalan kaj ĉiutempan valoron. Lia aŭtoro, Leopoldo Alas, "Clarín", estis eminenta literatura kristikisto kaj verkis ankaŭ "La Regenta", kiun oni nuntempe konsideras la plej bona hispana romano de la 19a jarcento.

Pri la tradukoj, el manoj diversaj, ni diru ke ili estas tre bonaj. "La trajno ekspresa", oferis sendube specialajn malfacilaĵojn pri rimo kaj metriko, kiujn la tradukisto sukcese solvis.

En la traduko de "Adiaŭ, Cordera", aperas ofte ŝanĝoj en la strukturo de la frazoj, kiuj ne tuŝas la rakontadon, sed iagrade modifas sennecese —kaj senrajte!— la individuecan stilon de la verkisto.

Neeblas ne mencii, ke tipografiaj eraroj abundas en la libro. Espereble, tio malaperos en venontaj libroj eldonotaj de la Astura Esperanto Asocio, kiun ni elkore gratulas en la apero de tiu ĉi unua volumo.

**JES**

Antaŭ ĉio, bonan vesperon al ĉiuj. Parolas Miguel Fernández, la vic-prezidanto de MEL kaj LKK-ano pri Kulturaj Programoj de nia 47a HEF-Kongreso. Sed ĉi-vespere mi troviĝas ĉi tie por prezenti al vi du verkojn, en kiuj mi partoprenis kiel tradukanto. La unua el ili estas la dulingva (Esperanta-Hispana) eldono de la fabelo "La blua hundo-El perro azul", kies aŭtoro estas la jam forpasinta poeto de Cuenca Guillermo Osorio. Pri la eldono zorgis "Aguacantos", poezi-kolekto fondita de la aŭtoro mem en 1980 kaj, post lia morto en 1982, daŭrigita de lia edzino, Adelaida Las Santas, poetino, ĵurnalistino kaj membro de MEL.

Eble oni pekus kontraŭ la modesto, se oni nomus libroj la ekzemplerojn, kiuj konsistigas tiun eldonon. Verŝajne pli konvenus paroli pri literaturaj kajeroj aŭ io simila. Sed, ĉiuokaze, tio tute ne gravas. Kiel mi mem diris, okaze de la prezento de tiu verko en la Madrida Ateneo la 26an de Marto, eldonejo "Aguacantos", per la publikigo de tiu dulingva eldono, havis duoblan celon: 1-e) omaĝi la aŭtoron kadre de nia universala memorfesto, kaj, 2-e) iniciati interesan pedagogian eksperimenton, liverante al la hispanlingvaj lernantoj de la perfektigaj E-kursoj laborilon utilan, por ke ili kontrolu siajn E-ajn progresojn, kaj ankaŭ por ke ili vidu, kiamaniere solviĝis ĉi-okaze la ĉefaj problemoj de traduko de unu lingvo al la alia. Tiucele oni jene aranĝis la eldonon: maldekstrapaĝe aperas la E-a versio de la dekstrapaĝaj hispanaj frazoj.

Depende de tio, ĉu tiu projekto estos bone aŭ malbone akceptita de la hispanlingva E-aro, eldonejo "Aguacantos" intencas plue aperigi dulingvajn eldonojn de la verkaro de Guillermo Osorio.

Rilate la enhavon, se mi estus petita resumi mian impreson en unu solan vorton, mi dirus, ke la fabelo estas aminda. Kaj, se mi estus petita substreki du kvalitojn de la aŭtoro, mi parolus pri poezieco kaj mistero. Ili ambaŭ, laŭ mi, konsistigas la ĉefajn trajtojn de bona rakonto.

La stilo, sobra en la rakontaj skemoj, fariĝas elstare freŝa, plena de popola gracio kaj sinteza belo en la dialogoj.

Rilate la tradukon, nu, bone, ŝajnas al mi, ke mi ne estas la plej taŭga persono por paroli pri ĝi. Nur al la E-istoj koncernas ĝin kritiki, prijuĝi kaj paroli pri giaj eventualaj bonaĵoj kaj fuŝaĵoj. Spite ĉion, estas rimarkinde, ke ĉiuokaze mi klopodis sekvi kiel eble plej fidele la aŭtoron, tiel laŭ la formo, kiel laŭ la enhavo. En la rakontaj skemoj mi uzis la gerundiojn por malpezigi la frazojn kaj, laŭeble, proksimiĝi al la simpleco de la aŭtoro. Por la traduko de la dialogoj mi konsultis la eksterordinare riĉan Proverbaron Zamenhofan. Tamen, kiam mi ne trovis paralelan esprimon mi tradukis la koncernan pecon, sed ĉiam respektante la intencon de la aŭtoro kaj donante al ĝi la formon propran al la E-aj stereotipoj kaj proverboj.

La prezo de ĉiu ekzemplero estas 100 pesetoj.

Nu, jen mi finfine prezentos al vi la duan verkon. Ĝi okupis tiom da horoj de mia lastajara libertempo. Ĝi havigis al mi tiom da zorgoj kaj feliĉo samtempe, ke, se tiel diri, ĝi fariĝis por mia amata ĉevaleto, kaj tial mi ne povus paroli pri ĝi senpasie kaj senpartie. Tamen mi klopodos.

Temas pri tiu volumo, kiun vi ricevis kune kun la oficialaj dokumentoj de la Kongreso. En ĝi aperas du teatraĵoj de Federico García Lorca, "Sanga nupto", lia unua grava teatra sukceso, kaj "La domo de Bernarda Alba", lia lastatempa internaciskale grava sukceso. Tiu projekto naskiĝis antaŭ proksimume kvar jaroj. Tiutempe mi decidis enpaŝi en nian lingvon laŭ beletra nivelo kaj komencis praktiki pere de la Lorca-aj strukturoj entenataj en la teatraĵo "La domo de Bernarda Alba". La elekton de la aŭtoro mi faris tute ne hazarde. Jam de mia infanaĝo en Granado, mia naskoloko, mi aŭdis pli malpli kaŝajn aludojn pri la poeto Granadano murdita en nia interfrata milito, kaj tio vekis en mi grandan scivolon kaj al lia personeco kaj al lia verkaro kaj al lia morto, tiel, ke, dank'al tio, longege poste mi eniĝis ne nur en la Lorca-an universon, sed ankaŭ en la poezion de la "Generacio de 1927, al kiu apartenis Federico, kaj en la studon de la sociaj kondiĉoj kaj cirkonstancoj, kiuj rezultigis nian civilan militon.

Post kiam HEF akceptis la proponon de MEL, ke MEL fariĝu la organizanto de la Hispana Jubilea Kongreso, oni pensis pri la eblo eldoni libron kaj oni transdonis al mi la tradukan respondecon. Tiutempe "La domo de Bernarda Alba" estis preskaŭ preta. Sed tiam ni ricevis gravan monhelpon el du anonimaj movadanoj, kondiĉe ke en la eldonota libro aperu ne unu, sed du verkoj de Federico García Lorca, kaj ke la traduko estu preta post nur kelke da monatoj. Ĉar, kompreneble, mi ne povis fordormi la okazon, mi tuj elektis novan verkon, "Sanga nupto", kaj komencis labori pri ĝia traduko streĉante miajn fortojn tage-nokte, ĝis fine mi sukcesis plenumi la kondiĉojn. Poste nia projekto estis premiita de la Hispana Kultur-Ministerio per konsiderinda monsumo, dank'al kio vi povis ricevi tute senpage tiun volumon. Tamen plej grave estis, ke en tiu konkurso nia lingvo estis rigardata egalrajta kiel la naciaj lingvoj. Kristnaske pasintjare UEA akceptis aperigi nian verkon sub la ŝildo Oriento-Okcidento, unu el la plej prestiĝaj kolektoj en Esperantujo, kaj tial troviĝas tiu enkonduko de Humphrey Tonkin, la prezidanto de UEA.

Rilate la personecon de la aŭtoro, mi citos al vi trafegajn vortojn ĉerpitajn el la libro "Cigana Romancaro", majstre tradukita de Fernando de Diego: "Federico García Lorca, tragika viktimo de la hispana interfrata milito, estis genia polto kaj dramisto, verva pianisto, pentrartisto kaj prelegisto: kion ajn li tuŝis, tion li transformis en eternan belartaĵon. Aldone li posedis tian magnetan simpation, ke ĉiuj, kiuj lin traktis, tuj kaptiĝis de lia ĉarmo, lia talento kaj lia inspiro".

Rilate lian situon en la panoramo de la universala beletro, oni povas aserti, kune kun la ĉefartikolo de la Madrida ĵurnalo "El país", artikolo aperinta la 19an de Aŭgusto 1986, okaze de la 50a datreveno de lia murdo: "... ke lia verkaro havas ĉiujn karakterizajn trajtojn de la genio; ke oni murdis lin, ĉar li prezentis kulturformon liberan, popolan kaj eternan, kontraŭ kiu eksplodis la tiama ribelo; ke li havis kaj havas la justan mondan resonon, kaj ke, samtempe, li estas unu el la viktimoj de la subpremado kontraŭ la humanismo kaj unu el la kreintoj de la ideoj, la sentoj, la sensacioj, la humanismo de la 20a jarcento".

Rilate la tradukon mi diros al vi, ke, helpante ĉefe de la Zamenhofa Proverbaro, Plena Ilustrita Vortaro, Plena Analiza Gramatiko kaj ankaŭ de miaj personoj travivaĵoj en la scenejo mem, el kiu fontis la du verkoj, mi modeste intencis kiel eble plej fidele speguli la tutajn belon, poezion, koloron kaj krudecon entenatajn en la dialogoj de Lorca.

Por la traduko de la versoj, kiuj aperas ĉefe en "Sanga nupto", prezize 580 versoj, mi ne sekvis la tradician sistemon piednombran, sed mi respektis laŭeble la ritmajn skemojn de la originalo, evidante adasismojn kaj karambolojn.

Aliflanke, post ĉiu el la du verkoj aperas interesaj notoj ĉerpitaj el la plej kompetentaj fakuloj pri la verkaro de Lorca, kaj tiuj notoj povas doni grandan helpon ne nur al eventualaj enscenigistoj de la du teatraĵoj, sed ankaŭ al komunaj legantoj, por ke ili eniĝu en la Lorca-an universon.

Kaj nun permesu al mi adiaŭi vin citante alineon de mia antaŭparolo en la libro: "Nu, jen finfine vi havas viamane la rezulton de multhora laboro, kelkfoje peniga, alifoje glata, sed ĉiam fervora. Vi havas viamane, apud la fantazia ravo de "Sanga nupto", la grandiozon de unu el la kulminoj de la ĉi-jarcenta Eŭropa teatro, "La domo de Bernarda Alba", kies drama arkitekturo staras ekster tempo kaj spaco sur la breto, sur kiu enviciĝas la mitoj, la artaĵoj de universala amplekso".

Mi esperas nur, ke vi ne surbretigos tiun volumon, ne leginte kaj ne ĝuinte ĝin.

Bonaŭguran duan jarcenton, ĝis revido en Varsovio kaj vivu E-o.

**Miguel FERNANDEZ MARTIN**

---

## DEZIRAS KORESPONDI

S-ro H. G. Beverloo, Mr. J. M. Hamersstraat, 35, 3438 BT – NIEUWEGLN (NL), 53-jara, ĉefo de tranjnestroj, pri aŭto/trajn-turismo, kolektado de p.m. kaj tiel plu. —— Kolektanto de bilkartoj serĉas leteramikojn kun egala intereso. Skribu al: Vladimir Pyš, 723 00 Martinov č. 13, OSTRAVA, Ĉeĥoslovakio. —— S-ro Krzysztof Dobersztyn. Grñnwaldzka 15.– 62-110 DAMASLAWEK. Pollando. Studenta polo, 23-jara, kun la tuta mondo pri turismo, naturo, ĉiutaga vivo kaj aliaj temoj.



## ESPERANTO SUR LIA VOJO

Hodiaŭ okupas ĉi tiun rubrikon elstara, tre kompetenta esperantisto, el kies biografio, aperanta en la ĵus eldonita dua volumo de "Analoj de la Esperanta Movado en Hispanujo", ni ekstraktas la jenon: "Ekde 1936, s-ano M. López Serna estas fervora batalanto por la Esperanta afero, eĉ dum la plej malfavoraj politikaj cirkonstancoj de nia lando. Dum la postmilitaj jaroj, li multe strebis por oficialigi Esperanton en Callosa de Segura. Translokiĝinte en Alikanto-n pro profesiaj motivoj, li entuziasme aktivis en tiu urbo por reviglígi la Movadon, kaj en 1971 li estis unu el la precipaj organizantoj de la 31a Hispana kongreso de Esperanto, okazinta en tiu Mediteranea urbo. Li gvidis-as multajn kursojn, kaj estas estrarano de la Alikanta Esperanto-Grupo". Al niaj demandoj, s-ano López Serna afable respondas:

**Kiam, kiel, kial kaj kie vi esperantistiĝis?** En 1936, en mia naskiĝurbo Callosa de Segura. Tiam mi estis 18-jara, mia patro freŝe mortinta. Dum multa tempo li insiste invitis min lerni Esperanton. Influite de li, post lia morto, mi decidis aniĝi al la loka Grupo kaj tie mi ricevis la oportunan elementan instruon.

Mi estis baldaŭ ravita de ĝia nobla idealo. Malgraŭ la malfaciloj de tiu epoko, milito, postmilitaj politikaj tensioj, familiaj problemoj, laborkrizo, nenio povis moderigi mian entuziasmon. De tiam, dum pli ol 50 jaroj, Esperanto okupas en mia animo tre preferan lokon.

**Ni scias, ke via esperantista aktivado okazadis en la kampoj laborista, neŭtrala kaj katolika. Kion vi spertis en tiuj diverscelaj organizoj?** Unu el miaj homaj facetoj estas la sindikata. Ekde mia frua juneco mi aktivis en ĉi tiu kampo. La revoj de la juneco kredigis al mi, ĉar Esperanto estas grava rimedo por la klasaj celoj de la laboristaro, oni baldaŭ ĝin uzadus, almenaŭ kiel laborlingvon, en la internaciaj rilatoj kun la laboristaj organizaĵoj.

Verŝajne pro tiu persona kondiĉo mi aktivis en SAT. Okaze de nia nacia kongreso en Terrassa, en 1951, la hispana SAT-kolektivo elektis min kiel landan peranton, kaj dum kelkaj jaroj mi tenis tiun postenon. Pro mia religia sento, ne en ĉiuj kampoj mi sentas min komforte, kiel hejme; tio decidigis mian eksiĝon el SAT., kaj proksimiĝi al la katolika movado.

De multaj jaroj mi estas loka kaj faka delegito de UEA.

Kiel elstaran agadon en la neŭtrala kampo oni povas citi, krom la propraj apartenantaj al la delegitaj taskoj, tiujn, kiuj koncernas la kampanjon por la

subskriboj al UNESKO en 1965. Mi faris rekordan kolektadon de subskriboj, el ili elstaris tiu de la Episkopo de Orihuela, D-ro Barrachina, kun lia persona aproba letero.

Mia agado meritis gratulon de fraŭlino Vermaas, tiama Direktorino de la UEA-Centra Oficejo, kaj gratulleteron de Moŝto Miguel Sancho Izquierdo, prezidanto de HEF, kiuj per tre atentindaj frazoj laŭdis mian kunlaboradon.

**Ĉu vi memoras iun anekdoton el via esperantista vivo?** Anekdotojn mi povus rakonti multajn, sed ne decas okupi tiom da spaco en "Boletín". Jen almenaŭ unu: En la unuaj postmilitaj jaroj iu gravulo de Callosa de Segura malsaniĝis. La kuracisto preskribis, kiel plej efikan kuracilon, medikamenton, kiun oni povis akiri en Germanujo. Ĉar la popolo konsideras nin mondcivitanoj; familiano de la paciento, afliktite sin turnis al mi kun la peto, ĉu mi povus importi el Frankfurto la deziratan kuracilon. Mi respondis: verŝajne mi povos, sed kiamaniere pagi? — Ĉar tiutempe tute ne eblis sendi pesetojn eksterlanden—. Ĉi tiun detalon li opiniis solvebla pere de parenco lia, militisto altranga. Nu, frankfurta samideano sendis al ni aerpoŝte la sanigilon. La familianoj de la malsanulo ne sukcesis transigi la monon, kaj ni, utiligante la konton de HEF kun alilandaj libroservoj, povis ĉion normaligi.

Ĉi tiu epizodo, en malgranda urbeto, kia estas Callosa, donis al mi prestiĝon kaj moveblecon por estonta agado.

**Fine, kian mesaĝon vi transsendus al la hispanaj esperantistoj, por ke ili plej pozitive kontribuu al la progresigo de Esperanto?** Mian mesaĝon mi volas direkti precipe al niaj junuloj. Mi bazos ĝin sur tiu evangelia frazo per kiu Jesuo diras, ke... per ilia fruktoj ni konos la homojn. Mi volas diri, ke faktoj gravas pli ol paroloj. Ni ne multe fidu Oficialajn helpojn; mi mem agu!

Laŭ tiu konvinko, tuj post mia edziĝo en 1947, mi sisteme aplikadaș Esperanton hejme kiel naturan lingvon. Fruktoj: du generacioj, miaj tri gefiloj kaj tri genepoj parolas denaske Esperanton. En niaj kongresoj, ili estas videble elturniĝemaj. Kompreneble, la teniĝo de mia edzino ĉi-rilate estis tre efika; ŝi senĉese kuraĝigis nian idaron akceptante niajn Esperantajn babilojn kiel la proprajn, naturajn de la hejmo. Konvinkaj faktoj, ĉu ne?

La sperto ja povas taŭgi al niaj junuloj. Ne estas necese, ke ni instruu, sufiĉas konstanta aplikado. Se ni parolas balbute kaj niaj familianoj eĉ ne konas la siglon HEF, kiel ni povas konvinki la eksteran mondon?.

Se niaj junaj amikoj estas konvinkitaj, ke Esperanto meritas, ke oni dediĉu al ĝi nian tutan liberan tempon, ili mem decidu!

Intervjuis: **VELUS**



**EXCMO. AYUNTAMIENTO DE AVILES**

PRINCIPADO DE ASTURIAS




La Junta Rectora de la Fundación Municipal de Cultura, en sesión celebrada el día 20 de Mayo de 1987, trató entre otros, el siguiente asunto:

21/87-7.- RUEGOS Y PREGUNTAS.

1.- Don Nicolas Muñiz pregunta si es posible que la Fundación solicite el Premio Príncipe de Asturias a la concordia para el Esperanto.

El Sr. Presidente en funciones considera interesante la idea e invita a Don Nicolas Muñiz a que presente una moción en forma ante esta Junta Rectora para que se pueda adoptar el oportuno acuerdo.

Lo que le notifico para su conocimiento y efectos pertinentes.

Avilés, 25 de Mayo de 1987

EL SECRETARIO.




Fdo: Gabriel Alvarez Fernández

DON NICOLAS MUÑIZ ALONSO
ENEAS
C/ JOVELLANOS Nº 3

33400AVILES

---

## NIAJ GRUPOJ

---

### SABADELL

Kultura Asocio Esperantista KAE — Delegacio en Sabadell — ekde februaro instruas Esperantan Kurson en sia ejo "Centre Cívic de la Creu Alta". C. Major s/n. (70).

## NIAJ GRUPOJ

**VALLADOLID.**– María Rafaela Urueña Alvarez, merita profesorino pri Internacia Publika Juro en la Universitato de Valladolid, disertaciis la 9an de aprilo en la ĉefsalono de "Círculo de Recreo" de tiu urbo pri la temo "El Esperanto" vehículo de cultura internacional".

**VALENCIA.**– S-ro Félix Navarro Clemente sciigas, ke la unua tago de marto, pere de Radio Klara F.M. 102.7 li elsendis pri Esperanto, po unu horo, marde de la 17a ĝis la 18a kaj krom tio li instruas nian karan lingvon lunde, merkrede kaj vendrede. Nun ĉi tiuj kursetoj estas tre nombraj, dank'al la Esperanta elsendo.

---

Terrassa, decembro, 1987

Karaj geamikoj:

Ni sciigas vin, ke ni, Terasanoj, reorganizas la esperantismon en nia urbo, ĉar de pluraj jaroj ĝi estas preskaŭ mortinta.

Profilante la okazon, ke la urbokonsilantaro pruntedonis ejon por instrui Esperanton, ni, plej parte anoj de la **Esperanto-Fako de Joventut Terrassenca**, kaj aliaj grupoj kuniĝis en tiu nova ejo por kune klopodi prosperigi la E-movadon en nia urbo.

Tiu nova esperanta grupo estas de KAE-Kultura Asocio-Esperantista kaj nia adreso estas la jena:

Kultura Asocio Esperantista
Ptge. Gaudí, 1, 3er.
08221–TERRASSA (Barcelona)

Ni bonvole petas al ĉiuj esperantistoj kaj E–Grupoj, ke de nun por rilati kun la Terrassa Esperantistaro rekte korespondu laŭ la menciita adreso. DANKON!

---

## DEZIRAS KORESPONDI

Irena Szanser.– Lewartowskiego 9 m 17.– 00185 WARSZAWA (Pollando)

Eksperta profesorino pri superaj kursoj de Esperanto. Ekzameninto en la universalaj kongresoj pri E-diplomoj. Kunlaborantino en esperantaj gazetoj. Turism-gvidantino en Pollando per hispana lingvo.

Serĉas hispanan familion kie loĝi iom da tempo por praktiki la kastilian lingvon. Ŝi reciprokos kiel esperanta profesorino en tiu familio, grupoj de esperanto, ktp.

## KOVRILPAĜO

**REDAKCIA NOTO.**– Por ŝanĝi la kovrilpaĝon de HEF-Boletín ni lanĉas konkurson por nova kovrilpaĝo. La reguloj estas: a) sama formato, du koloroj; c) la sama titolo por ĉiu numero; d) ĉiu konkursanto povas sendi nur du malsamajn desegnojn; e) la gajninto de la konkurso estos anigita al HEF kiel D.M.

**73an Universala Kongreso de Esperanto, 1988**

Aviadila karavano de Hispanujo al Roterdamo. Buĝeto de VIAJES IBERIA **96.500 p-toj**. Eliro la 24an de julio. Reveno la 31an de julio.

**GEJUNULOJ**. JUNULARA SEKCIO DE HEF (HEJS). Laŭ la aktualaj leĝoj de HISPANUJO estas konsiderataj junaj ĝis la aĝo **de 30 jaroj**.

HEF-estraro ordigos la aĝon en HEJS laŭ la nunaj leĝoj, tio estas: Ĉiu membro de HEF ĝis 30 jaroj pagos nur la specialan kotizon da 1.000 p-toj, ekde la venonta jaro 1988.

Laŭ peto de la Konservataro de la Internaciaj Floraj Ludoj de KEA, ni kunsendas kun tiu ĉi ekzemplero de "Boletín" la ALVOKON por la jaro 1988.

**NOTO DE LA REDAKCIO**

La Redakcio alvokas al la HEF–membroj por ke partoprenu per kunlaboraĵoj en memoro pri la 40a Datreveno de la oficialigo de nia landa esperantista organizaĵo Hispana Esperanto-Federacio.

## LA NOVA "JUSTICULO DE ARAGONO", ESPERANTISTO

La poeto kaj advokato el Zaragozo, s-ano Emilio Gastón Sanz, ekde la 2a de decembro 1987a oficiale funkcias kiel "Justiculo de Aragono", ofico ekvivalenta je la ŝtata "Defendisto de l'Popolo", kies publikan funkcio de kelkaj jaroj plenumas s-ro J. Ruiz Giménez.

Samideano Emilio Gastón Sanz, kiu estis deputito en la hispana demokrata parlamento, originas el tre prestiĝa familio esperantista. Efektive, liaj karmemoraj avo kaj patro estis fervoraj gravuloj en la hispana Esperanto-Movado, same kiel liaj geonkloj Emilia, Inés kaj Mariano.

**VELUS**

## MADRID

MADRIDA ESPERANTO–LICEO

**Intensaj kursoj.**– Dennis Keef, usona profesia lingvo-instruisto momente vivanta en Madrido, ellaboris laŭŝtupan instru-metodon de Esperanto, nomatan "EK". Estas antaŭvidite, ke de la 4a de novembro li gvidos en la Liceo intensajn kursojn, kiuj daŭros unu semajnon (3 horojn ĉiutage). Nova elementa kurso komenciĝos ĉiun merkredon je la 18a horo. Vasta propagando jam okazas per la gazetaro kaj per afiŝoj. La membraro de MEL estas varme alvokata kontribui al la sukceso de la kursoj, per varbado de novaj lernantoj por ili. La kosto de la kurso estas 1.900 pesetoj. Poste li instruos en Valencio kaj Zaragozo.

**Strato Zamenhof en Madrido.**– MEL petis al la Urbestro de Madrido, ke la strato "Travesía del Conde Duque" rehavu sian nomon "D-ro Zamenhof". Tiu-ĉi strato nomiĝis tiel ĝis la jaro 1935.

**Al la hispanaj grupoj.**– Por kompletigi dosieron celantan atingi, ke HEF estu deklarita Asocio de Publika Utileco, Juan Carlos Ruiz bezonas scii kiujn oficialajn helpojn (subvencioj, ejoj, eldonaĵoj, ktp.) Esperanto ricevis en Hispanio en 1987. La grupoj bonvolu sendi la suprajn informojn (kiuj aperos en "Boletín") al la Liceo, Atocha 98 – 28012 MADRID.

## ZARAGOZA

**Esperanta Societo FRATECO** informis, ke jam aperis la DUA VOLUMO DE "ANALOJ DE LA ESPERANTA MOVADO EN HISPANUJO", verkita de nia elstara samideano s-ro Marco Botella. Antaŭmendoj kostas po 1.600 p-toj por ĉiu ekzemplero.

---

Estimataj gesamideanoj, saluton!

La Avilesa Kultura Fonduso petos la premion "Príncipe de Asturias de la Concordia" 1988 por la Internacia Lingvo Esperanto.

La konvokilo de la premioj estis publikigita la pasintan 29an de oktobro post kiam la Asturia Fonduso donis la antaŭajn premiojn. Ni bezonas helpon de via solidareco kaj vian aliĝon al nia iniciato.

Skribu, ĉu propranome, ĉu nome de via esperanta asocio, ĉu nome de aliaj kulturaj asocioj al la "Fundación Principado de Asturias" c/ Pérez de la Sala, 20.– 33007 OVIEDO, España. por apogi nian peton.

Gesamideanoj, helpu nin!

La Avilesa Esperanta Grupo "Antaŭen", sincere, antaŭdankas vin.

La Prezidanto
Nicolás Muñiz Alonso

ESPERANTO-BIBLIOTEKO

"RAMON MOLERA PEDRALS"

MOIÀ

HISPANIO

*Strato. Palau 17 MOIA Hispanio*




*ABONU "TEJO-TUTMONDE"*

*Oficiala gazeto de TEJO*
*Informas - anoncas*
*Raportas - rakontas*
*Opinias - kritikas*
*Kuraĝas - kuraĝigas*
*Instigas - edukas*

*TT evoluis al unu el la plej bonaj gazetoj en esperantujo. Tial TT abonindas por 15 NLG al la CO de UEA.*

| | |
|---|---|
| БЪЛГАРСКИ ЕСПЕРАНТСКИ СЪЮЗ | BULGARA ESPERANTISTA ASOCIO |
| УДОСТОВЕРЕНИЕ | ATESTILO |
| № 49 | |
| Централното ръководство на Българския esperантски съюз награждава с | Centra estraro de Bulgara Esperantista Asocio distingas per |
| ЮБИЛЕЕН ЗЛАТЕН МЕДАЛ "СТО ГОДИНИ ЕСПЕРАНТО" | JUBILEA ORA MEDALO «CENT JAROJN ESPERANTO» |
| др. Салвадор Арагай | k-d(in)on Salvador Aragay |
| от Барселона Испания | el Galvany Hispanio |
| За принос към есперантското движение | Pro kontribuo al la Esperanto-movado |
| София 1. 09. 1987 | PREZIDANTO: |




## INTERNACIA VIZITO

S-ro Donĉo Ĥitrov, ĉefredaktoro de Bulgara Esperantisto, okaze de sia vizito al Hispanio, vizitis la sidejon de HEF en Barcelono, kaj nome de Bulgara Esperantista Asocio transdonis Jubilean Medalon "Cent Jarojn Esperante" al nia prezidanto s-ro S. Aragay kaj honor-platon al s-ro L. Hernández Izal, Direktoro de Hispana Esperanto-Muzeo.



united nations educational, scientific and cultural organization
organización de las naciones unidas para la educación, la ciencia y la cultura
organisation des nations unies pour l'éducation, la science et la culture


7, place de Fontenoy,
75700 PARIS

teléfono nacional (1) 568 10 00
internacional + (33 1) 568 10 00
dirección telegráfica Unesco Paris
télex [illegible] Paris
[illegible] Paris


El Director General

referencia : DG/88/1000

-6 ENE. 198[illegible]

Señor Presidente:

Mucho he apreciado el mensaje de felicitación que ha tenido la gentileza de enviarme con motivo de mi elección.

Sus amables palabras representan para mí, en estos momentos, un valioso estímulo.

Aprovecho la oportunidad para reiterarle el testimonio de mi más distinguida consideración.

Federico Mayor

Sr. D. Salvador ARAGAY I GALBANY
Presidente
Federación Española de Esperanto
Carreras Candi 34
08028 BARCELONA
España

# 28aj INTERNACIAJ

# floraj ludoj

# 1 9 8 8

# ALVOKO

KATALUNA ESPERANTO–ASOCIO

kaj la

KONSERVANTARO* DE LA INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ

invitas la ĉiulingvajn esperantistajn geverkistojn kunkurse kunkuri per siaj plej valoraj verkoj en la tradicia trobadora Festo de la 28aj Internaciaj Floraj Ludoj, kiu okazos en la kadro de la 24a Kataluna Kongreso de Esperanto en la jaro 1988a.

## PREMIOJ:

**"ROZO" al la plej kvalita am-tema poemo originale verkita en Esperanto;**
**"EGLANTERIO" al la plej kvalita priesperantisma poemo, aŭ al tiu je temo laŭvole elektita de la aŭtor(in)o, originale verkita en Esperanto;**
**"VIOLO" al la plej kvalita humanisma aŭ etika poemo originale verkita en Esperanto;**
**"FREDERIC PUJULÀ i VALLÈS" al la plej kvalita beletra novelo, fabelo, originale verkita en Esperanto;**
**"AMARANTO" al la plej kvalita beletra eseo originale verkita en Esperanto;**
**"JAUME GRAU i CASAS" al la plej kvalita traduko Esperanten, ĉu versa ĉu proza, el katalunlingva verko;**
**"ARTUR DOMÈNEC i MAS" al la plej kvalita traduko katalunlingven, ĉu versa ĉu proza, el Esperanta verko.**
**La Ĵurio aljuĝos la NATURAN FLORON al la plej valora verko el la aljuĝitaj Premioj.**

Laŭ bela kutimo trobadora olde tradicia, la gajnint(in)o de la Natura Floro oferos ĝin al damo je sia elekto, kiu -proklamita Reĝino de la trobadora Festo- disdonos la aliajn Premiojn al la koncernaj venkint(in)oj.

* Gabriel Mora i Arana (Prezidanto), Perla Ari Martinelli, Jordi Carbonell i Pinyol, Manuel Casanoves i Casals, Bernard Golden, Salvador Gumà i Clavell, Miguel Gutiérrez Adúriz, Giorgio Silfer, Joan Ramon Guiñón i Roset (Sekretario).




REGULARO DE LA 28aj INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ EN LA JARO 1988a

● 1. La partopreno en la Konkurso estas senpaga.

● 2. La Ĵurio aljuĝos Premiojn (vd. Alvokon kaj Regularon de la Konservantaro de la Internaciaj Foraj Ludoj).

● 3. Oni ne rajtas konkursi pere de verkoj antaŭe premiitaj kaj/aŭ publikigitaj kie ajn.

● 4. La verkojn, nepre tajpitaj je duobla interlinio, oni prezentu en formato DIN A4. La versaj verkoj devas ampleksi minimume 14, maksimume 150 versojn. La prozaj, devas ampleksi minimume 2 paĝojn po 35 linioj, po 60 tajperoj. Maksimume ili ampleksu 12 paĝojn kun samaj kondiĉoj.

● 5. La verkojn oni sendu, po ses ekzempleroj, nur ĝis la 30a de aprilo 1988a —laŭ la poŝta stampo— al la Sekretario de la Konservantaro: Joan Ramon Guiñón i Roset, Carrer Vilamarí 106-108 baixos interior segona, E-08015 Barcelona, Catalunya/Katalunio (Hispanio).
La 16an de majo 1988a, la Sekretario rifuzos konkursaĵojn.

● 6. Tradukinto nepre kunsendu fotokopion de la originala teksto.

● 7. La aŭtoreco de ĉiu konkursaĵo nepre devas resti nekonata. Ĉiu teksto havu titolon, kun indikoj pri pseŭdonimo de la aŭtor(in)o kaj pri la premio por kiu oni konkursas. La aŭtor(in)o devas enmeti por ĉiu konkursaĵo slipon kun sia nomo kaj adreso en apartan fermitan koverton, sur kiu oni skribu la titolon kaj la pseŭdonimon kaj la premion por kiu oni konkursas.

● 8. La Sekretario antaŭsciigos al la premiitoj la verdikton por ke ili povu ĉeesti la Feston aŭ elekti siajn anstataŭantojn.

● 9. La partopreno en la Konkurso implicas la senkondiĉan akcepton de la Regularo de la Konservantaro de la Internaciaj Floraj Ludoj kaj de la Regularo de la 28aj Internaciaj Floraj Ludoj.

### EL LA REGULARO DE LA KONSERVANTARO DE LA INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ

**Artikolo 1.** La Konservantaro (3) elektas la Reĝinon de la Festo, se la gajninto de la Natura Floro tion rezignas fari (vd. Artikolon 11); (4) proklamas dum la Festo tiujn laŭreatojn kiuj iĝis Florludaj Majstroj, t.e. kiuj jam gajnis tri Naturajn Florojn aŭ jam gajnis dek du poentojn. Natura Floro valoras tri poentojn kaj Premio valoras unu poenton.

**Artikolon 6.** La Ĵurio aljuĝas Premiojn, laŭ la publikigitaj Alvoko kaj Regularo de la Konkurso.

**Artikolo 8.** La aljuĝo okazas jene: (1) ĉiu ĵuriano asignas al la unuopa konkursaĵo kaj noton de nulo ĝis dek pro la lingvo, kaj noton de nulo ĝis dek pro la stilo kaj noton de nulo ĝis dek pro la formo; (2) la noto plej alta kaj la noto plej malalta asignitaj al la unuopa konkursaĵo kaj pro la lingvo kaj pro la stilo kaj pro la formo estas neglektataj por la kalkulo de la aritmetika mezonombro; (3) se konkursaĵo ne atingas almenaŭ aritmetikan mezonombron de ses poentoj, ĝi estas eliminita; (4) la Kunveno de la Ĵurio rekonsideras ĉiujn verkojn, kiuj atingis almenaŭ aritmetikan mezonombron de ses poentoj, laŭ la metodo por aljuĝo de la Goncourt-Premio.

**Artikolo 9.** La Ĵurio rajtas aljuĝi Honorajn Menciojn.

**Artikolo 10.** La Ĵurio aljuĝas la NATURAN FLORON al la plej valora verko el la aljuĝitaj Premioj.

**Artikolo 11.** La gajninto de la Natura Floro rajtas elekti la Reĝinon de la Festo (vd. Artikolon 1 (3)).

**Artikolo 12.** La verkoj premiitaj apartenas dum du jaroj al Kataluna Esperanto-Asocio, de kiu oni por publikigo devas peti skriban permeson. La Asocio rezervas al si la rajton dum tiu tempo publikigi la premiitajn verkojn. Aperas premiere en KATALUNA ESPERANTISTO kaj en LITERATURA FOIRO la verkoj premiitaj.

**Artikolo 13.** La Festo de la Internaciaj Floraj Ludoj okazas dum la kataluna Esperanto-Kongreso kaj en ties kongresurbo. Se Kongreso ne okazas, la Konservantaro decidas pri dato kaj loko.

**Artikolo 14.** Kvankam ĉiu Premio estas esence honora, ĉiu gajninto ricevos Diplomon kaj —se la petita subvencio estas donita— kuponon validan por la aĉeto de varoj ĉe la Libroservo de Kataluna Esperanto-Asocio (KEA) aŭ ĉe Kooperativa Societo de Literatura Foiro (LF-Koop.) Oni dividos la donitan subvencion jene: por la Natura Floro, dek du partojn; por ĉiu aljuĝita Premio, kvar partojn, por ĉiu aljuĝita Honora Mencio, unu parton.

